AE233

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 03/09/2015 Ducent tridektria eldono 03/09/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 304** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto ne instru-libreto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★

# 86. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Propraj nomoj. A.

La kelkaj reguloj por propraj nomoj estas en Esperanto similaj al en la etnaj lingvoj.

Unua regulo: Ili komenciĝas per ĉeflitero. Ne estas esceptoj al tiu regulo, sed kelkaj etnaj lingvoj ankaŭ traktas la korespondajn adjektivojn kiel proprajn nomojn, kaj do donas ĉefliteron ankaŭ al ili. La germana ne faras tion, kaj ankaŭ Esperanto kutime ne faras tion. Do “Italujo”, sed “la itala ĉefurbo”.

Dua regulo: Oni ne uzas la artikolon “la” antaŭ la propra nomo, kvankam ĝi estas substantivo. Sed kiam oni referencas al pluralo de propra nomo, aŭ se la propra nomo singulara ĉehavas adjektivon, oni povas uzi la artikolon: “la tri Johanoj”; “la juna Johano”.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.



# Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; kaj nsw@esperanto.org.au;
Lyudmila (KELLOWAY) alvenis la 24-an de aŭgusto kaj foriros la 07-an septembro.



Estas pli ol 113,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo ekde 28a de majo 2015)

## Profesoro Ghilad Zuckermann dum la Sidneja Lingva Festivalo 2015



Jen mia unua filmeto pri la lingva festivalo. Ghilad Zuckermann klarigis kial ni devus elspezi monon por revivigi aborigenajn lingvojn. Parteto de lia parolado eĉ estis en Esperanto.
https://www.youtube.com/watch?v=MJ0aDrwVuN8
Amike, Nicole

## Korespondanto dezirata

Mi estas itala esperantisto, 41 aĝa, oficisto en kultura instituto kaj mi ŝatus korespondi kun aliaj esperantistoj. Al mi plaĉas la historio kaj la lingvoj, antikvaj kaj modernaj.
Ĝis, Ivan Orsini : "ivarpas" <ivarpas@yahoo.it>

# Esperanto-Domo Sidnejo




Sabata Vespero EFNSW evento 6ptm ĝis 8ptm. 29an Aŭgusto vespere
Eble 15 personoj ĉeestis kaj mangis, (SLFA venigis manĝon), kantis Ruse kaj regardis la filmojn „The Universal Language de Sam Green“,“The Tower of Babel,“ kaj „La elfoj kaj la ŝuartisto“ (BookBox.com) Tiu programo anstataŭis la reklamitan programon de Trevor Steele kiu bedaŭrinde ne povis veni.
Roger Springer

## La Sidneja Lingva Festival Asocio 2015







La festivalo okazis lastan semajnfinon.
Sabate Jim Couch kaj Roger Springer staris ekstere de la Redfern Komunejo dum horoj kaj fordonis „Esperantajn broŝurojn“ kaj „La ŝlosilajn Libretojn“ al multegaj de la ĉeestantoj de la festivalo kaj aliaj eventoj.
Informas Roger Springer

## Malkovru Sidnejon tra la okuloj de franca artisto (2/2 )(b)

https://www.youtube.com/watch?v=Krx28aeb_II Amike, Nicole




















Supre estas kelkaj desegnoj de mia patrino pri Sidnejo kun komentario en Esperanto.
Lilli Giloteaux, franca esperantistino ofte vizitis Sidnejon (Aŭstralio). Ŝi multe pentris kaj desegnis kaj kreis libron manskribitan kaj mandesegnitan kun proksimume 100 desegnoj.
La teksto estas laŭtlegita de la filino de Lilli Giloteaux Amike, Nicole https://www.youtube.com/watch?v=Krx28aeb_ll

# Ĉi tiuj Semajnfinaj Esperantaj Kunvenoj ANZ-Esp-Kluboj

Elsendata ĉiun vendredan vesperon. Se vi reklamos vian venontan kunvenon ĉi tie, eble venos vizitantoj. *Ne Forgesu sendi informon*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas ĉiujn unuan kaj trian Sabatojn. La venonta kunveno estos la 5an de Septembro de la 10-a ĝis la 12-a Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## Esperanto-Domo Sidnejo

**La Jara Kunveno (AGM)** okazos Dimanĉon, la 6an de Septembro je 11atm. Poste je 1ptm okazos lunĉon kaj amuzprogramojn

Mekrede la 03an venis Roger Springer, Jim Couch, Jan Wylles




Saluton al ĉiuj,
Estas longe de kiam mi laste skribis ion por ĉi tiu novaĵletero. Mi nomiĝas Richard Delamore kaj mi volas hodiaŭ montri al vi ion, kion mi faris dum la pasintaj ses monatoj. Mi prizorgas Jutuban kanalon, kiu nomiĝas Evildea. Tien, ĉiutage, mi alŝutis novan videoblogon pri aŭ en Esperanto. Mia jutuba kanalo havas 1,155 Esperantistajn abonantojn de ĉirkaŭ la mondo. La temoj de miaj videoblogoj estas diversaj; ekzemple edukaj, amuzaj, plendaj, stultaj, primovadaj, ktp. La plejparto de miaj spektantoj havas malpli ol 30 jaroj. Tamen, mi ŝatus inviti vin ĉiujn aboni ĝin. Jen la ligilo: https://www.youtube.com/evildela.

## Informilo de la UN-oficejo de UEA



*Numero 18, Septembro 2015*

### La 100-a Universala Kongreso de Esperanto akceptis rezolucion direktitan al Unesko

Kunlige kun la sukcesa finiĝo de la jubilea 100-a Universala Kongreso, la kongreso akceptis rezolucion direktitan samtempe al Unesko, kun kiu Universala Esperanto-Asocio jam kunlaboras 60

jarojn, kaj al la landaj Esperanto-asocioj kaj la membraro de UEA – kaj ankaŭ al la Esperanto-publiko ĝenerale. La rezolucio instigas al dialogado inter la kulturoj en spirito de reciproka kompreno, atentigante, ke Esperanto estas ideala perilo de tia egaleca komunikado. La teksto de la rezolucio sekvas:

**REZOLUCIO DE LA 100-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**
**Lillo, Francio, la 1-an de augusto, 2015**

**La 2 695 partoprenantoj en la 100-a Universala Kongreso de Esperanto,**
kunveninte el 80 landoj, de la 25-a de julio ghis la 1-a de augusto 2015, en Lillo, Francio,

diskutinte la temon "Lingvoj, artoj kaj valoroj en la dialogo inter kulturoj" en sep diversaj sesioj tra la kongresa semajno,volante kontribui al la disvolviĝo de la Internacia Jardeko por la Alproksimiĝo de Kulturoj proklamita de Unesko,

- **konstatas**, ke interkultura dialogo estas same urĝe necesa hodiaŭ, kiel ĝi estis antaŭ 110 jaroj, kiam okazis la unua Kongreso de Esperanto en Bulonjo-che-Maro;
- **asertas**, ke por vere interkomprenigi la homojn, tiu dialogo devas esti afero ne nur de la cerbo sed ankaŭ de la koro, kunplektanta klerigon kaj kundiskutadon, arton kaj amikecon;
- **atentigas**, ke ĝuste tian multflankan interkulturan dialogon praktikas kaj disvolvas la tutmonda Esperanto-movado en siaj centoj da kongresoj kaj renkontiĝoj ĉiujare;
- **instigas** ĉiujn aliajn aktivulojn kaj movadojn por interkultura dialogo doni pli da atento al la lingva dimensio de sia laboro, kaj al la reala funkciado de Esperanto kiel lingvo inkluziva kaj egaleca, kies uzado povas plifaciligi kaj pliprofundigi tian dialogon;
- **ree** dediĉas sin al la kultivado kaj disvastigado de la valoroj de reciproka respekto, paco kaj justeco inter ĉiuj homoj, konforme al la celoj de Unesko kaj kunlige kun la aktualaj streboj de Unuiĝintaj Nacioj por konstrui daŭripovan mondan socion.

Anglalingva traduko de la rezolucio estas troveblas ĉe www.esperanto-un.org (vidu sub Newsletters). Vi estas petata sendi ĝin al via landa Unesko-Komisiono, Asocio pri Unuiĝintaj Nacioj, aŭ aliaj eventuale interesataj neesperantistoj kaj neesperantistaj organizaĵoj.

## Simpozio retrorigardis al Esperanto kaj Unesko

**1 aŭgusto.** La pasintaj kvardek jaroj de kunlaboro kun Unesko estis festataj en speciala kunveno dum la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en Lillo, Francio, lundon la 27-an de julio. La ekonomiisto Barbara Despiney, ano de la laborgrupo pri Unesko starigita en 1974-75, omaĝis al la seso da teamanoj kiu altiris la atenton de Unesko-gvidantoj kaj ebligis engaĝiĝon en la klopodoj krei Novan Internacian Informan kaj Komunikan Ordon. Tiuj agoj kondukis al vizito al la Universala Kongreso de Esperanto en 1977 fare de la Generala Direktoro de Unesko Amadou-Mahtar M'Bow en 1977, kaj la enmeto de almenaŭ aludo al lingva neegaleco en la Raporton MacBride de 1980, kiu pritraktis la misproporciojn en la fluo de informoj inter evoluintaj kaj evoluantaj landoj. Kiel atentigis Humphrey Tonkin, prezidanto de Universala Esperanto-Asocio tiutempe kaj nun reprezentanto de la Asocio ĉe UN Novjorko, la ideo de nova rilato inter la Tria kaj Unua Mondoj ne efektiviĝis laŭ la maniero antaŭvidata de MacBride, nek oni donis al la lingva demando la atenton,

kiun ĝi meritis; tamen rezolucio de la Ĝenerala Konferenco de Unesko en 1985 rekonis la gravecon de Esperanto por internacia interkompreniĝo kaj alvokis al membroŝtatoj kunhelpi en festado de la 100-a jubileo de la lingvo.

Aliaj parolantoj en la aranĝo estis, inter aliaj, Probal Dasgupta, eksprezidanto de la Asocio, kiu tiam laboris kiel helpanto en la oficejo de UEA en Novjorko, Renée Triolle, nuna reprezentanto de la Asocio ĉe Unesko, kaj Stefano Keller, kiu reprezentas la Asocion en Ĝenevo kaj rolas kiel estrarano pri eksteraj rilatoj de la Asocio. La sesion prezidis Mark Fettes, nuna prezidanto de la Asocio.

La kunsido liveris bonan okazon por priskribi al kongresanoj la nunan engaĝon de la Asocio kun la programoj de UN kaj Unesko kaj ĝian subtenon de UN kaj Unesko en tiuj agadoj.

Oficejo de Universala Esperanto-Asocio ĉe Unuiĝintaj Nacioj: 777 United Nations Plaza, New York, NY 10017

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | | | ■ | | ■ | | | ■ | ■ | ■ | | | ■ |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | ■ | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | | | | | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | |
| “Informu AE, se estas eraro en la listo” rspring@tpg.com.au | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

# Sendu Novaĵon